WIKIPEDIA

# Hasanija

La **hasanija** (en araba حسانية, transskribita ankaŭ kiel **hassania** aŭ **hasania**), nomata de ties parolantoj ankaŭ kiel **kalām Hassān** aŭ "Hassana parolo", estas araba dialekto parolata en la dezerteca regiono de la sudokcidento de Magrebo, inter la sudo de Maroko, sudokcidento de Alĝerio, Okcidenta Saharo kaj Maŭritanio, kaj ankaŭ en zonoj de Malio, Niĝerio kaj Senegalio.


Disvastiĝo de la hasanija dialekto

Laŭ la stato de la jaro 2006, ĝi havis sume iom pli ol 3 123 000 da parolantoj.

La nomo de la dialekto havas originon en la nomigo de la Benihasanoj, arabaj triboj kiuj etendis sian parolmanieron al multnombraj popoloj de la regiono kaj kies aŭtoritato etendiĝis al preskaŭ la tuta Maŭritanio kaj Okcidenta Saharo en la 15 kaj 16a jarcentoj.

Temas pri dialekto klare okcidenta, sed ĝi estas relative diferenca el aliaj variantoj magrebaj de la araba. Pro ties situo ĝi ricevis la influon de la lingvoj zenaga kaj volofa.

La hasanija havas siavice diversajn dialektojn, kiu diferenciĝas ĉefe pro ties fonetika regularo.

Pli da 90 % de la vortotrezoro havas araban devenon. Tamen ekzistas ankaŭ vortoj de afrikaj lingvoj, de la hispana kaj de la franca en tiu dialekto. Tradicie la poezio en hasanija alpasis parole dum jarcentoj kaj foje estas konsiderata pli amuza kaj originala ol tiu de la klasika araba. En la aktualo ĝi anstataŭigis entute la berberajn lingvojn indiĝenajn de la regiono, tamen ĝi pluhavas de tiuj la akcenton kaj stilon de vortoj propraj de la berberaj dialektoj de la regiono tiel kiel granda nombro de finaĵoj.

## Distribuado laŭgeografie

- Maŭritanio: 2,770,000 (2006)
- Alĝerio: 150,000 (1985)
- Okcidenta Saharo
- Malio: 106,000 (1991)
- Maroko: 40,000 (1995)
- Niĝerio: 10,000 (1998)
- Senegalio: 7,190 (2006)

## Vidu ankaŭ

- Okcidentsaharanoj

